


# INTERNACIA FERVOJISTO

2004.1



*Nia Honora prezidanto forlasis nin por ĉiam*

*La reloj ligas la landojn, Esperanto la popolojn*

# Honore al Joachim Giessner

Kun granda malĝojo mi aŭdis la teruran novaĵon. La forpaso estas la granda domaĝo.

Mi ekkonis S-ron Giessner en la jaro 1983. Kiam ni fondis nian Huhhotan Fervojistan Grupon de Huhhot Fervoja Buroo en la ĉefurbo Huhhot de Aŭtonoma Regiono de Interna Mongolio, li la tiama prezidanto de IFEF tuj sendis al ni la gratulan leteron kun sia foto. Kaj ni tuj ĝin aperigis en nia revuo "*Amiko de Esperanto*". Poste, la novaĵo aperis en la organo de IFEF kun mia foto.

En junio 1987 la estraro de IFEF decidis agnoski la ĉinan fervojistan esperanto - movadon kiel 20-an landan asocion de IFEF. Tiu bona novaĵo tuj disvastiĝis en Esperantujo. En 1988 s-ro Giessner sendis al mi sian tradukon en Esperanton "*La lastaj infanoj de Oldrovalo*". Ni tuj ĝin Ĉinigis kaj publikigis en ĉina esperanto rondo. Poste, la novaĵo ankaŭ aperis en IF. En la ĉina traduko, mi verkis la poemon "*Mi amas pacon*" kiel antaŭparolon. Nun la libro kun la foto de s-ro Giessner estas mia granda valora memoraĵo.

Dum la lastaj 20 jaroj s-ro Giessner ĉiam zorgis la E-movadon de ĉina fervojista E-asocio. Kiam li sciis, ke ni jam fondis la Ĉinan Fervojistan Esperantistan Asocion, li tuj skribis leteron al mi. Kiam li sciis, ke mia filino interesiĝas pri filatelo, li ŝparis pecon da tempo por sendi la germanajn memorindajn poŝtmarkojn al mia filino. Ĉiuj niaj membroj konas lian zorgon al ĈFEA. S-ro Joachim Giessner ĉiam vivas en niaj koroj.

Ni deziras ke multaj el ni lernas de li kaj laboras, por ke la E-movado disvastiĝu tutkore kaj tutanime.

Eternan Pacon al nia kara amiko.

*Prez de ĈFEA Li Sen*
*kaj liaj tutmembroj*

IFEF-estraro prezentas siajn sincerajn kondolencojn
al la edzino kaj familio

**Enhavo**

# Honore al Joachim Giessner



**Joachim Gießner**
*** 23.12.1913 - + 23.11.2003**

Tio ne imagebla okazis. Joachim Gießner mortis je la 25a de novembro 2003, kelkajn semajnojn antaŭ sia 90-a naskiĝtago. Kun li, ni perdis iun el la plej elstaraj fervojistaj Esperantistoj post la milito.

Ne imageblajn 46 jarojn li formis ekde 1957 Germanan Esperantan Fervojistan Asocion (GEFA) kiel ĝia prezidanto, kaj 22 jarojn ekde 1968 li estis prezidanto de Internacia Fervojista Esperanto-Federacio (IFEF). Pro sia eksterordinara personeco kaj pro siaj efikoj kaj scipovoj en la Esperanto-mondo, li postlasis ne fermeblan breĉon.

La entombigo okazis je la 2a de decembro en Otterbach, Palatinato.

Joachim Gießner tradukis per sia sento por muziko kaj lingvo nenombreblajn kantojn el operoj, operetoj kaj popolkantoj. Li verkis aŭ tradukis librojn kaj multajn fervojotipajn skribojn. De matene ĝis vespere, laŭvorte ĝis la morto, li dediĉis siajn tagojn al Esperanto.

Multajn meritplenajn honorigojn li ricevis. Li estis portanto de la Federacia Meritkruco kaj de la Ora Medalo de Internacia Federacio de Kulturflegantaj Fervojistoj (FISAIC).

Li estis Honora Prezidanto de IFEF kaj de la Esperanto-klubo "Jirí Korínek" en Usti nad Labem, Ĉeĥio, Honora Membro de Universala Esperanto-Asocio, de FISAIC kaj de la Esperanto-klubo en Žilina, Slovakio. Li estis alte honorita kunlaboranto en la Fondaĵo Fervoja Sociala Entrepreno ('Stiftung BSW'). Lia lasta granda deziro ankoraŭ plenumiĝis: la IFEF-kongreso en lia hejmurbo Dresden.

Kun Joachim Gießner GEFA perdis senlacan prezidanton kaj bonan amikon.

Konsolas nin lia riĉe plenumita vivo.

*Rolf Terjung*




## *56-a IFEF-Kongreso en Sopron inter la 8-a kaj la 15-a de majo 2004.*

**Poŝta adreso de LKK:56-a kongreso de IFEF**
**Alfonz MORÓ**
**Olga u. 3. HU-7632 PÉCS**

Retadreso: ifk56@freemail.hu

Bank-kontoj de LKK:
- hungara: **Budapest-OTP-11707024-20103899-56-a IFEF-KONGRESO**
- aŭstra: **BIC: BAWAATWW, IBAN: AT 711490022010360416 56-a IFEF-KONGRESO**

## *Nia duontaga ekskurso*

Ĝi kondukos nin al la ĉefurbo de Burgenland en Aŭstrio. Ni veturos per komforta speciala aŭtobuso. (Flanke, mi rimarkigas por koncernaj eksterlandanoj, ne preteratentu anticipe zorgi pri eble bezonata vizo).

Eisenstadt estas bonatmosfera urbeto sur la sudaj mildaj deklivoj de montaro Lajta ĉirkaŭita de bluantaj montoj, vitejoj, fruktoĝardenoj. Malantaŭ ĝi altiĝas la plej alta punkto, la 483 m-ojn alta Sonnenberg.



*Vidindaĵo de la ĉefurbo "Eisenstadt"*

Ekde la jaro 1924, Eisenstadt estas la ĉefurbo de Burgenland. Jam, dum la romia epoko estis kolonio; eĉ pli poste garnizono. Dum la XIV-a jarcento, ĝi evoluis je urbo. Dum la XVII-a jarcento la Eszterházy-dinastio, ekposedis ĝin kaj ĝi estis grandbiena centro. Josef Haydn, la kortega kapelestro de Eszterházy-dinastio dum jardekoj ĉi tie vivis kaj komponis.

Princo Pál Eszterházy konstruigis la barokan kastelon de Eisenstadt sur la XV-a jarcentaj fundamentoj. Duobla korintika kolonaro ornamas

la ĉefan enirejon de la kastelo. La solena salonego de la kastelo estas ornamita per murpentraĵoj. La plafono prezentas mitologiajn scenojn de Eroso kaj Psiĥa. Vizitinda estas la Haydn-salono, iama laborsalono de la komponisto, kelkaj ceteraj salonoj kaj la biblioteko,

La parko de la kastelo apartenas al la plej belaj parkoj de Eŭropo. Originale, ĝi estis franca parko, sed intertempe oni transformis ĝin je angla stilo. La akvobrilo de pluraj lagetoj de la parko faras ĝin pli riĉa.

En la antikva urboparto troviĝas la urbodomo, konstruita en 1648. Proksime al ĝi, situas gotikstila Katedralo nomita Sankta Marteno el la mezo de la XV-a jarcento, cetere episkopa katedralo ornamita per Dorfmeister-altaro. En la iama loĝejo de Haydn funkcias memoromuzeo prezentanta riĉajn relikvaĵojn, kolektaĵojn, eĉ memoraĵojn de Ferenc Liszt.

Proksime al la kastelo troviĝas la "Bergkirche" (Monta Preĝejo) konstruita inter la jaroj 1701-1705. Al tiu preĝejo apartenas kalvario. En la kripto de tiu ĉi preĝejo ripozas Josef Haydn. La komponisto mortis la 31 -an de majo 1809, dum la tagoj de la franca okupado de Vieno.

János Patay

*** IFEF*** FISAIC *** ČD ***

***Solenaĵoj okaze de la 120-a datreveno de trafikado sur fervoja linio Krupá - Kolešovice (4.-5.X.2003)***

Fervoja trafiko sur linio Buštěhradská komenciĝis la 15-an de septembro 1883.

Tiu ĉi 12,5 km-ojn longa linio veturanta inter lupolkampoj estas klasika loka linio en meza Ĉeĥio.

Dum la trafika periodo ĉi tie alterne trafikis ĉiuj konataj lokomotivoj de la lokaj linioj: ni menciu 300.6, 322.2 kaj 324.3 de la Buštěhradská linio, ankaŭ 310.5, 320.0, 423.0, 433.0, 434.1, 434.2 kaj kompreneble motorvagonojn M 131.1 ČSD.

La plej konata lokomotivo sur la linio estis 423.057.

La regula vapora trakciado ĉi tie finiĝis en la jaro 1978.

**Adreso de la muzeo :**
Železniční muzeum ČD Lužná u Rakovníka, ul.9.května 255, CZ-27051 Lužná v Čechách
e-mail : luzna@muzeum.cdrail.cz
www.cdrail.cz/muzeum
tel./fax : 00420 313 537 700

*Preparis Ladislav Láni,*
*Esperantigis Jindřich Tomíšek*
*Retadreso:*
*fervoja.turismo@atlas.cz*

**Gratulon**

*La 18-an de februaro 2004, János Patay festos sian 75 jariĝon.*
*Pro lia granda merito, en jaro 2000 li estis nomumita Honora Membro de IFEF.*
*Koran dankon por lia plurjardeka rezultohava grava laboro.*

# JARKUNVENO DE LA ĈINA FERVOJISTA ESPERANTO-ASOCIO

La 3-an de oktobro okazis jarkunveno de la Ĉina Fervojista Esperanto - Asocio en la nord-orienta landlima urbo Yanji, provinco Jilin dum la 5-a Ĉina kongreso de Esperanto. En la jarkunveno partoprenis ĉirkaŭ 30 esperantistoj el Huhehaote, Tianjin, Wuhan, Shenyang, Hunan kaj aliaj lokoj. Unue,la prezidanto de ĈFEA s-ro Li Sen prezentis raporton al la ĉeestantoj pri la deveno,disvastiĝo kaj nuna stato de ĈFEA. Li diris, ke la Esperanto-organizo de ĉinaj fervojistoj fondiĝis kun la tiama nomo Unuiĝo de Fervojistaj Esperanto-grupoj de Ĉinio(UFEGĈ) dum la 71-a UK en Beijing en 1986,la organizo estis akceptita kiel la 20-a landa asocio de IFEF en la jaro 1987, kaj la Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio estis oficiale fondita en marto de 1993 en Beijing. Venkante la malfacilaĵojn, kiel disajn membrojn kaj nesufican financon, ĈFEA persiste aktivas kaj ricevas la subtenon kaj helpon ne nur de la Ĉina Esperanto-Ligo, Ĉina Radio Internacia, El Popola Ĉinio,sed ankaŭ de IFEF. S-ro Li anoncis:IFEF principe konsentis pri la organizo de la 58-a IFEF-kongreso en Ĉinio en 2006.

La LKK de la 56-a IFEF-kongreso invitos la prezidanton kaj vicprezidanton de ĈFEA al la kongreso en Sopron en 2004. Due, la vicprezidanto de la ĈFEA, s-ro Han Zuwu, raportis pri la ideo koncerne la ĉeeston de la venontjara IFEF-kongreso kaj la preparadon por la 58-a IFEF-kongreso en 2006. Li diris: "la okazigo de la IFEF-kongreso estas bona ŝanco por propagandi la atingojn de la ĉinaj fervojoj kaj prezenti la Esperanto-movadon en la fervojo-fako de Ĉinio, samtempe estas la seriozaj ekzameno kaj defio por la ĉinaj fervojistaj esperantistoj. Ni devas tutforte plenumi la okazigon de la unua en Azio kaj Ĉinio kongreso de la internaciaj fervojistaj esperantistoj".

Poste la ĝenerala sekretario de Wuhan-a Esperanto-Asocio s-ro Ouyang Xiangheng elmetis la deziron de la okazigo de la IFEF-kongreso. Li diris, ke Wuhan, kiel la trafika artiko situanta en la centro de Ĉinio, havas la grandan Esperantan forton kaj sufiĉan kapablon okazigi la internacian kongreson.

La ĝenerala sekretario de Dandong-a Esperanto-Asocio s-ro Ma Fengchen petis inviton de la kongreso.




*De maldekstre : la kvina - s-ro Han Zuwu ; la sesa - s-ro Li Sen*

Li diris, ke Dandong-a regiono situas ĉe la landlimo de Ĉinio kaj Koreio kaj havas turismajn riĉfontojn. Krome, tiea Esperanto-movado aktivas kaj utilas al la kongreso. La prezidanto de Hunan-a Esperanto-Asocio s-ro Liu Tieshan nome de Ĉina Esperantista Komerca Societo esprimis la deziron kunlabori kun la ĈFEA en diversaj kampoj por disvastigi la Esperanto-movadon. En la kunveno, iuj kunvenanoj petis partopreni en la venontjara IFEF-kongreso en Sopron. ĈFEA faros esploradon kaj diskutadon laŭ la deziroj kaj aktualaj kondiĉoj kaj decidos la kongresan lokon antaŭ la fino de la kuranta jaro. En majo 2004 la ĈFEA prezentos la oficialan inviton por la 58-a IFEF-kongreso al la estraro de IFEF kaj diskutos kun ili pri la detaloj de la kongreso.

La 4-an de oktobro en la fermo de la kongreso de la Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio, kiel elstara landa faka asocio estis premiita per la ora pokalo de la Ĉina Esperanto-Ligo, kiu montris la aprobon kaj kuraĝigon al la ĈFEA.

Stimulante la grandan esperon de la Ĉina Esperanto-Ligo kaj tutlandaj esperantistoj, ĉinaj fervojistaj esperantistoj klopodos sin ekzerci en la praktikado por krei la belan estontecon de la Esperanto-movado en Ĉinio kaj tra la mondo.

*Han Zuwu*
*Vicprezidanto de la Ĉina Fervojista Esperanto-Asocio*

# GEFA sekretario en Brusela Komunikadcentro de Eŭropa Esperanto-Unio (BKC)

La belga ĉefurbo estas sidejo de la Eŭropa ministrokonsilantaro kaj la Eŭropa parlamento.



Gravaj fervojaj organizoj, inter alie la Komunumo de Eŭropaj Fervojoj (www.cer.be.), la Asocio por Eŭropa Fervoja Intersistema Uzado (www.aeif.org) kaj la Unuiĝo de Eŭropaj Fervojaj Industrioj (www. unife.org) agas el Bruselo.

Por ke ĝi havu proksimecon al la politika, socia vivo, la Eŭropa Esperanto-Unio subtenate de UEA, fondis ĉi tie komunikadcentron. Fine de septembro, la sekretario de la Germana Esperanta Fervojista Asocio, Bodo EHRLICH vizitis ĝin.

La direktoro Dafydd ap FERGUS, profesia ĵurnalisto, klarigis la ĉefajn celojn de la centro:

- informi politikistojn rilate la uzon de Esperanto,
- starigi oficialajn demandojn pri lingvoj,
- eksplori eblojn de kunlaboro en eŭropaj lingvoprojektoj.

BKC ofertas sur sia retpaĝo www.lingvo.org/eo legindan kolektadon de gazetaraj artikoloj pri Esperanto. Interesemuloj bv. entajpi la kodvorton "saluton".

Dafydd ap FERGUS (dekstre sur la foto) transdonis al Bodo EHRLICH (maldekste sur la foto) la germanligvan eldonejon de la koncepto por la estonta Eŭropa konstitucio. La paragrafo 7 pritraktas la trafikon kaj la paragrafo 8 estas dediĉata al la transeŭropaj trafikretoj.

GEFA daŭre subtenos la klopodojn de BKC.

Eŭropo bezonas la fervojon. Fervojo bezonas Eŭropon.

*Bodo Ehrlich*

## *Muzeo de la Ĉeĥaj fervojoj en Lužná u Rakovníka*

La Civito Lužná (luĵna) troviĝas ĉe malsupro de Křivoklát-arbaroj, preskaŭ enmeze de la fervoja linio n-ro 120 Praha - Chomutov (Ĥomutov).

La muzeo troviĝas proksimume 3 minutojn piedire de la fervoja stacio Lužná u Rakovníka en loko de la iama hejtadejo de la kompanio "Buštěhradská dráha" (buŝtehrada fervojlinio) Lužná - Lišany (liŝany), ekfunkciinta en la jaro 1871.

La hejtadejon oni dum ĝia ekspluata servo kelkfoje rekonstruis, lasta granda rekonstruo okazis en la jaro 1924, samtempe kiam posedon de la kompanio transprenis Ĉeĥoslovaka ŝtato.

Komence de la okdekaj jaroj oni konstruis novan halon por riparoj de lokomotivo–motoroj, tion farante, oni detruis kelkajn historiajn objektojn, ekzemple muntejon por vaporlokomotivoj.

La pli granda parto de la iama hejtadejo tamen restis konservita inkluzive de teknologia instalaĵo por ekspluatado de la vapora trakcio.

Lužná estis unu el la lastaj deĵorejoj de ČSD (ĉeĥoslovakaj ŝtataj fervojoj) kun vapora trakcio, kiu ĉi tie finiĝis fine de la sepdekaj jaroj de la 20-a jarcento.

Ekspluatado de la remizo kiel deĵorejo de ČD (ĉeĥaj fervojoj) finiĝis en la jaro 1996 koincide kun limigo de la trafiko sur ĉirkaŭaj linioj.

Jam unu jaron pli poste per libervola aktivado de kelkaj organizoj kaj grupoj prizorgantaj historion de la fervojo oni komencis regulan ekspoziciadon.

En la jaro 1999, la Ĉeĥaj fervojoj ĉi tie fondis sian Fervojan muzeon.

En la muzeo oni trovas precipe vaporajn lokomotivojn de diversaj serioj, motorlokomotivojn, motorvagonojn kaj historiajn pasaĝer- kaj var-vagonojn.

Al la ekspozicio apartenas ankaŭ etŝpura linio kun ŝpuro de 800 mm, inkluzive de la trafikiloj devenantaj de la entreprena trafiko de la metalprodudektejo POLDI en Kladno.

Krom trafikiloj vi povas vidi kolektojn de la dokumentoj, fotografaĵoj kaj objektoj el historio de la fervoja trafiko.

La ekspozicio estas kompletigita per modeloj kaj trafikado sur miniatura trakaro en grandeco tipo HO.

*Preparis Ladislav Láni,*
*Esperantigis Jindřich Tomíšek*
*Retadreso:*
*fervoja.turismo@atlas.cz*

*Aktualaĵo*

## Kamiono sur la trajnoj: realeco!!

La fervoja alpa aŭtostrato iĝis realeco ekde la 4-a de novembro 2003. Kamionoj povas de nun uzi la trajnojn inter Francio kaj Italio tra la fervoja tunelo « Mont Cenis ».

La servo estas ekspluatata de societo de itala rajto « Autostrada Ferroviera Alpina . » konstituita interalie de la SNCF-o kaj de « Trenitalia » . Tiu servo komenciĝas per senpaga periodo kaj rapide atingos la frekvencon de 4 ĉiutagaj navedoj inter ***Bourneuf-Aiton*** apud ***Chambery*** kaj ***Orbassano*** en la ĉirkaŭaĵo de ***Torino.***

Unuaj interesuloj de tiu nova enkondukaĵo estas la multnombraj strataj transportistoj, kiuj partoprenis en la veturo-provoj surliniaj. Tiuj transportistoj taksis tiun novan surrelan servon interesa . Tio estis la kazo de la societoj Norbert Dentressangle, Géodis, ktp. Dum la esperimentado-periodo de tiu sistemo, kiu daŭros ĝis fino de la jaro 2006-a, ĉefe la cisterno-kamionoj (pro la fervoja limprofilo) profitis tiun servon. La traktoroj kun la postveturiloj aŭ nur la post-veturiloj povas esti ŝarĝataj sur la trajnojn, kiuj ankaŭ enhavas pasaĝer-vagonon por akcepti la ŝoforojn. Dum tiu periodo, inter 35 kaj 50 000 kamionoj povos esti ŝarĝataj jare.

Preskaŭ ĉiuj kamionoj povos veturi al tiu alpa fervoja aŭtostrato fine de 2006, kiam la nunaj laboroj, ĉefe faritaj por pli grandigi la fervojan tunelon de Mont-Cenis" estos realigitaj.

*Jean Ripoche*



## ESPERANTO KAJ LA NAĜANTA ARTO-MONUMENTO

Kio kaŝiĝas malantaŭ la kontrastriĉa titolo? Plulego alportos la klarigon. Estis sabate, la 9-an de aŭgusto 2003, kiam la Lucerna Esperanto-Societo (LES) realigis posttagmezan ekskurson (inkluzive de aperitivo kaj pikniko). La membraro kaj du gastoj estis invitataj kolektiĝi en la stacidomo Luzern sub la kubo "Trafpunkto" je la horo 13.30. 14 gesamideanoj akurate alvenis tien, sed neniu el ili konis la ekzaktan ekskursoprogramon. Kaj du virinoj eĉ demandis sin, ĉu la kunportitaj ŝuoj vere taŭgos por la migrado? En tiu momento alproksimiĝis Koni, la organizanto kaj gvidanto de la ekskurso. Per aplaŭdo oni bonvenigis lin, esperante, ke li respondos la demandon de la du samideaninoj. Per hezita mangesto li komprenigis nin, ke la tempo ankoraŭ ne estas veninta por fordoni detalojn pri la ekskurso. Sed des pli decida estis lia peto akompani nin. Post malmultaj minutoj ni atingis la tiel nomatan "Insuleton" troviĝantan malantaŭ la Lucerna Kongresejo, proksime al la lagobordo. Koni laŭdegis la unike belan lokon kun imponaj, altaj arboj, kies foliaro donacas bonvenan ombron dum la varmegaj tagoj. Mi supozis, ke tio estas la elirpunkto de nia migrado kadre de la anoncita ekskurso. Sed neatendite Koni petis nin sekvi lin, ĉar estis ŝajne tempo por ekmarŝi.

Scivoleme ni obeis, kaj baldaŭ mi ekkonis, ke ne povas esti la komenciĝo de nia migrado, ĉar la vojo finiĝis antaŭ albordiĝejo, kie estis fiksita per dikaj ŝnuregoj impona vaporŝipo kun la nomo "Unterwalden". Koni petis nin enŝipiĝi kaj eniri la unuaklasan salonon, kie, en la fono, troviĝis rezervitaj kaj per floroj ornamitaj tabloj kun 15 manĝo-garnituroj. Krom tio, inteligente fiksita, Esperanto-flageto publike anoncis, ke tiu parto de la salono "apartenas" por certa tempo al homgrupo, kiu parolas ne ĉiutagan lingvon. Kaj verdire, la babilado en Esperanto ne estis ignorebla, tiel ke enveninta sinjoro demandis: "Kian lingvon vi parolas ĉi tie?". Tio estis la taŭga momento por klarigi al li pri kio temas. Kaj por ni estis senpaga propagando por Esperanto.

Ĉiu grupano ricevis de Koni nomŝildon, kiu surhavis nur la individuan nomon. Tio faciligis la alparolon.

Akurate je la 14-a horo la impona vaporŝipo moviĝis kaj komencis traplugi la glatan akvosurfacon lasante malantaŭ si ŝaŭmantajn ondojn.

Per laŭtparolilo la ŝipestro kore bonvenigis la pasaĝerojn en 4 lingvoj kaj deziris al ili agrablan veturadon. Nur malmultajn minutojn poste eksonis alia vira voĉo, kiu bonvenigis la ekskursantojn en la Internacia Lingvo, klarigante, ke temas pri Esperanto. Tio estis neintermikseble Koni, kaj kiam li revenis al niaj tabloj li estis ŝutumita per forta aplaŭdo. Ridante li kliniĝis, poste li petis la geservistojn surtabligi la aperitivon konsistantan el trinkaĵoj kaj etbakaĵoj. Denove aplaŭdo!

Koni ne nur zorgis por la korpa bonfarto. Li ankaŭ provizis nin per sciindaj indikoj koncerne la vaporŝipon "Unterwalden". Interalie ni eksciis, ke

la ŝipo estas la dua plej aĝa inter la 5 ankoraŭ deĵorantaj vaporŝipoj sur la Lago de la Kvar Kantonoj (Vierwaldstättersee). Ĝi komencis la servon en la jaro 1902. La konstruisto estis la firmao Escher-Wyss en Zürich. La ŝip-motoro mem finkonstruiĝis 3 jarojn antaŭe kaj fariĝis unue eksponaĵo dum la tutmonda ekspozicio en Parizo (1900) antaŭ ol ĝi estis muntita sur la ŝipo "Unterwalden". Temas pri oblikva, ducilindra varmeg-vaporkompundinstalaĵo, kiu produktas 650 ĉevalpovojn; La ŝipo atingas maksimuman rapidecon de 26 km/h, longas 61 metrojn kaj portas 900 personojn. Aparte menciinde estas, ke la vaporŝipo "Unterwalden" posedas la privilegion, kiel ununura el kvin ekzistantaj vaporŝipoj veturi tra sub la fervoja kaj aŭtostrata pontoj "Acheregg" por atingi la lagon de Alpnach (branĉo de la Lago de la Kvar Kantonoj), ĉar la ŝipo estas ekipita per klap-masto kaj klapeblaj ventoliloj (grandkalibraj tuboj vertikalaj kun vastaj funeloj). Krom tio lasas sin mallevi la kamentubo kaj la stirejo.

Mallonge, antaŭ ol ni atingis la "Acheregg"-ponton, Koni petis nin veni al la antaŭa ŝipparto por ne maltrafi la momenton, kiam la ŝipanaro komencis "faligi", respektive mallevi, la ĵus priskribitajn instalaĵojn sur la supra ferdeko. Fine aperis la kapitano en eleganta uniformo kaj okupis la nekovritan komando-lokon flanke de la mallevita stirejo. Verdire spektakla pozicio konsiderante la malaltan tralasejon. Kvankam mi estis konvinkita, ke la ŝipestro ĝuste pritaksis la interspacon inter sia kapo kaj la planko de la ponto, tamen, en la momento de la alproksimiĝo al la ponto, duba sento kaptis min. Sed efektive vane, ĉar restis minimume manlarĝo aŭ pli da interspaco. Tamen estis drameca spektaklo, kiun observis amaso da pasaĝeroj. Dankon, Koni, ke vi atentigis nin

Post trapaso de la ponto la instalaĵoj sur la supra ferdeko estis remetitaj en siajn originajn poziciojn.

Iom antaŭ la 16-a horo ni atingis Alpnachstadt; la fino de ĉi tiu lagobranĉo, kie multaj pasaĝeroj forlasis la ŝipon por daŭrigi la vojaĝon alimaniere, ekzemple per la plej kruta dentrelvojo de Eŭropo, kiu kondukas al la monto Pilatus (2070 m). Ni geesperantistoj ĝustatempe eksciis de Koni, ke ni rajtas resti sur la ŝipo, kiu reveturos al Luzern.

Pro la reganta varmego sur la nekovrita ferdeko, ni preferis iri al niaj reservitaj tabloj en la salono, kie Paul jam estis elpakinta la akordionon por ĝojigi nin per ritmaj melodioj, kaj Koni ne lasis forpasi eblecon alterne inviti samideaninon al dancado.

Dum la preskaŭ 2-hora reveturo al Luzern ni havis ne nur sufiĉe da tempo por la programita "Pikniko", kies realiĝo mi, kaj verŝajne ankaŭ aliaj gepartoprenantoj unue supozis ie sub libera ĉielo. Denove estis Koni, kiu organizis ĉion perfekte. Riĉenhavaj pladoj kun viandaĵoj kaj diversaj legomoj ktp estis je dispono, kaj ni povis provizi nin laŭplaĉe dum nia vaporŝipo haltis preskaŭ ĉe ĉiuj albordiĝejoj, kiujn ni tuŝis jam dum la irvojo, sed nun en la kontraŭa vico, nome: Hergiswil-Stansstadt-Kehrsiten Dorf, Kehrsiten Bürgenstock-




Kastanienbaum-St.Niklausen- Verkehrshaus/Lido, kaj ĉie eliris kaj envenis bonhumoraj ekskursantoj. Vere unika travivaĵo!

Estus malkorekte fini mian raporton sen diri kelkajn vortojn pri la interna aspekto de la "matrono" "Unterwalden". Ĝenerale vidite la interna arkitekturo de la unuaklasaj salonoj en la 5 vaporŝipoj havas mondskalan signifon.

. Ni ne forgesu, ke dum la komenciĝo de la 20-a jarcento nur riĉaj homoj (aristokratoj ktp.) sin povis arogi viziti turistajn centrojn kiel ekzemple Luzern. Kaj por konservi ilian favoron oni devis oferti al ili adekvatan komforton. Pro tio la ŝipkonstruistoj invitis internacie aprobitajn arkitektojn por formi kaj mebli la unuaklasajn salonojn. Kaj ĉiu vaporŝipo havis sian karakterizan salonon kun luksa komforto. Ekzemple ĉe la ŝipo "Unterwalden" la vandoj estas konformaj al la novrokoko-stilo. Aparte plaĉas la orodita vitropordoj kaj la atentinda pargeto. Unika estas ankaŭ la aranĝo de la fenestroj, kiu permesas neniel malhelpatan rigardon eksteren. Krom tio ekzistas mirige belaj lignoskulptaĵoj, kiuj ornamas la salonon de la vaporŝipo "Unterwalden". Tial fakspertuloj legitime nomas tiun ŝipon "Naĝanta Arto-monumento", kaj Les kaj Koni ebligis al ni ĝui ĝin dum preskaŭ 4 horoj. Dankegon meritas Koni, Paul kaj LES!

Brugg, la 16-an de aŭgusto 2003

*La raportinto: Ernst Glättli*

# Nova informsistemo de DSB

Kiam oni provas mezuri la kontenton - aŭ mankon de tio - ĉe la fervojaj pasaĝeroj, ĉiam la ĉefa negativaĵo estas, ke ne estas sufiĉe bonaj la informoj pri malfruiĝoj kaj aliaj obstakloj pri laŭhorara trafiko.

Kaj ne plu sufiĉas klarigi, ke en kazo de trafikaj neregulaĵoj la koncerna personaro uzas sian tutan tempon provante minimumigi la sekvojn por la pasaĝeroj.

Tial DSB (Danaj Ŝtatfervojoj) dum kvin jaroj laboras pri sistemo, kiu per surkajaj informiloj kontinue anoncas la tempon ĝis la alveno de la trajnoj plus aliajn valorajn informojn, ekz la vagonaran sinsekvon.

Jam de la komenciĝo, la projekto estis ambicia, sed tamen intertempe estiĝis novaj ideoj, kiuj pliampleksigis ĝin.

La informoj baziĝas sur satelitaj, radiaj indikoj kaj tiaj de porteblaj telefonoj.

Krom la pasaĝeroj la sistemo povas informi la centran regejon kaj la bontenadajn ejojn pri situo kaj bezonoj de la trajnoj kaj vagonoj.

Multaj obstakloj ekaperis dum la evolulaboro; kelkaj malfacile troveblaj kaj helpeblaj, ekz en unu stacio finfine – post multaj vanaj esploroj – montriĝis, ke apudstacia ŝtalkonstruaĵo baris la radiosignalojn!

Sed precipe la sistemo baziĝas sur la radio de la lokomotivaj kondukistejoj, pere de kiu la lokomotivestro devas komuniki la trajnnumeron kaj horaron. Sen tio, la trajno simple "malaperas", kaj neniu informo atingas iun.

Ĉar ankaŭ rezervadsistemo estas enigata en la sistemon, kaj ĉar ĉiam devas esti montrata la sinsekvo de la vagonoj ekde la fronto, oni devas esti singarda pri la veturdirekto, precipe kiam dumvoje troviĝas sakstacio.

Tute alia afero estas, ke la Infrastruktura Administracio funkciigas la regejojn, do intima kunlaboro necesas, por ke la informoj de la regejoj kaj tiuj de la operatoro (ĉikaze DSB) kongruu unu kun la alia.

La sistemo post longa periodo kun testoj estas en funkcio en 20 stacioj depost la unua de septembro 2003. Iom post iom aliaj stacioj estos alkuplitaj, tiel ke fine 32 stacioj posedos la esperebIe valoran kaj kontentigan informsistemon.

*Fonto: DSB i dag (DSB hodiaŭ) n-ro 25/2003.*

*Tradukis Henning Olsen (eho)*

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

***Hispana informo***

En la urbo Barcelono (Hispanio) proksime de la fervoja esperanto-klubo troviĝas pluraj Z.E.O. (Zamenhof/Esperanto-objektoj).

Por memoro ni povas citi:
- straton "Doktoro Zamenhof",
- librejon "Esperanto",
- Z-tabulon,
- Futbalan klubon "Doktoro Zamenhof".

En la librejo "Classic" situanta proksime de la strato "Doktoro Zamenhof", eblas studi Esperanton. Ĉiuj vizitontoj estos bonvenaj.

*Jesús Pérez*

☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆☆

## Honorigitoj

Kiam IFEF distingas membron per honora membreco aŭ FISAIC per medalo, ni priskribas tion en IF. Sed, kiu memoras ĉiujn ricevintojn ! Tial ni jen publikigas liston de nun vivantaj honoraj prezidantoj kaj membroj, honorigitoj per FISAIC-medalo kaj membroj de la Honora Patrona Komitato de IFEF.

| **Honora prezidanto** | | | **Jaro** |
|---|---|---|---|
| Engen Per | Norvegio | | 1998 |
| **Honoraj membroj** | | | |
| Kruse Elfriede | Germanio | | 1980 |
| van Leeuwen Willem | Nederlando | | 1980 |
| Engen Per | Norvegio | | 1988 |
| Olsen Henning | Danio | | 1995 |
| BarnickelWillem | Germanio | | 1996 |
| De Sutter Lucien | Belgio | | 1997 |
| Sredić Gvozden | Jugoslavio | | 1997 |
| Rösemann Otto | Germanio | | 1999 |
| David Jaroslav | Ãe§io | | 2000 |
| Patay János | Hungario | | 2000 |
| Glättli Ernst | Svisio | | 2001 |
| Hartig Heinz-Dieter | Germanio | | 2001 |
| Bengtsson Harry | Svedio | | 2002 |
| **Honora membro de FISAIC** | | | |
| De Sutter Lucien | Belgio | | 1998 |
| **Honorigitoj per FISAIC-medalo** | | **medalspeco** | |
| Geroldinger Johann | Aŭstrio | ora | 1967 |
| Blauw Thies | Nederlando | arĝenta | 1967 |
| Hunkeler Hans | Svislando | bronza | 1967 |
| Kruse Elfriede | Germanio | ora | 1975 |
| Bengtsson Harry | Svedio | bronza | 1976 |
| Van Leeuwen Willem | Nederlando | ora | 1979 |
| Sredić Gvozden | Jugoslavio | ora | 1986 |
| Hartig Heinz Dieter | Germanio | ora | 1988 |
| Robiolle Pierre | Francio | ora | 1994 |
| Engen Per | Norvegio | ora | 1998 |
| **Honora Patrona Komitato de IFEF** | | | |
| Ceci Pasquale | Italio | Direktoro de Dopolavoro Ferroviaro, Bologna | 1970 |
| D-rino Boulton Majorie | Britio | Universitato Oxford | 1977 |
| Inĝ Rodak Aleksander | Pollando | Ĉefdirektoro de fervoja direkcio Katowice | 1987 |
| Inĝ Vojtěch Zelenka | Ĉeĥio | Direktoro de fervoja direkcio en Ĉeĥio | 2003 |

INTERNACIA FERVOJISTO
56-a eldonjaro

Dumonata fervojfaka revuo en Esperanto kaj organo de **Internacia fervojista Esperanto-Federacio**

**Redaktoro: Jean Ripoche**
**6 rue des Platanes**
**FR-72230 Arnage - France**
**Tel/fakso + 33 (0)2 43 21 16 39**
**Retadreso:**
**Jeanripoche@wanadoo.fr**

**Prezidanto:** Romano Bolognesi
Via Misa 4
IT-40139 Bologna, Italio
Retadreso:
Lov0354@iperbole.bologna.it

**Vicprezidanto:** István Gulyás
Rákos u 98
HU-1155 Budapest, Hungario
Retadreso: kozsu13@freemail.hu

**Sekretario:** Marica Brletić
Peruanska 12
HR-10090 Zagreb
Retadreso: marica.brletic@hznet.hr

**Kasisto:** Laurent Vignaud
3 Allée du Haras, App 132
FR-49100 Angers
Tel: +33 (0)2 41 20 19 40
Retadreso:
Laurent.Vignaud@wanadoo.fr

**Franca poŝtĉekkonto:**
**Atentu:**
Ĉekoj aŭ ĝiroj al **"Laurent Vignaud"**
**9 293 74 Y NANTES**
(pagante per bankĝiroj el eksterlando, aldonu 2 eŭrojn pli por bankelspezoj)
IBAN:
FR3320041010110929374Y03237

**UEA-konto:** iffk-o

**Apermonatoj:**
Januaro, marto, majo, julio, Septembro, novembro.

**Redaktofino:**
Ĉiam la 10-an de la antaŭa monato

**Presejo:**
Generaldirekcio de MAV
Andrássy út 73/75
HU-1062 Budapest, Hungario

**"www.ifef.net"**

ISSN 1397-4270

VIG 2004.001



***IFEF-estraro deziras feliĉon kaj sukcesojn al ĉiuj niaj membroj, kunlaborantoj, kaj legantoj okaze de la novjaro 2004.***

## Urĝa alvoko al verkemuloj!

Kiel vi legis en IF n-ro 2003.6 la Fake Aplika Sekcio de la Faka Komisiono de IFEF volonte akcelas la utiligon de la *Fervojfakaj Kajeroj.*

Por la venonta FFK ni bezonas pli da kontribuaĵoj, kaj precipe en la grandaj landoj ja ekzistas fakaj magazinoj kun multaj novaĵoj, kiuj povus esti bazo por interesa artikolo pli longa ol permesas la spaco de IF.

Sendu vian kontribuaĵon la la sekretario de FAS: inĝ Ladislav Kovář, Grégrova 44, CZ-560 03 Česká Třebová aŭ al mi: Ĕ Henning Olsen, Aaderupvej 182, DK-4700 Naestved. Limdato ne ekzistas, ĉar se ne eblas aperigi en la tujvenonta numero, esperebIe venos postaj!

Redaktoroj de landaj organoj estas petataj informi al mi – eventuale per alsendo de la koncerna numero – kiam kaj kiel ili menciis/recenzis la 11an FFK, aperintan en Dresdeno. Antaŭdankon!

*eho*

*Fervoja Koresponda Servo*
S-ro Dan-Dragos ALDEA
Sos. Nicolai Titulescu 14, Bl 21, Ap 69
RO-78152 Bucuresti
Retadreso: rodicatodor@xnet.ro
*Se vi deziras uzi la servon, bonvolu indiki viajn nomon, aĝon, adreson, en kiuj landoj vi deziras korespondant(in)oj, kaj pri kiaj temoj ktp. Aldonu, se eble, internacian respondkuponon.*